# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas», Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro FEBRUARO 1932 N-ro 11**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# DESTRUYENDO EQUIVOCOS

Toda asociación se rige por un Reglamento; la vida de la asociación en todos sus aspectos forzosamente ha de desenvolverse dentro de las normas determinadas por aquél. Así, H. E. A. ha venido desenvolviéndose con arreglo al Reglamento que la rige, y argumentar que se han incumplido *acuerdos* de alguno de sus Congresos estaría bien si los acuerdos incumplidos no estuviesen en pugna con el Reglamento, porque los Congresos no pueden acordar nada que implique vulnerar aquél, pues un Reglamento sólo puede modificarse en virtud de una Junta general para ello convocada y solicitada de la autoridad correspondiente; pudiendo ser una de esas Juntas el Congreso mismo, pero cuando ha sido fijado en los asuntos a tratar la reforma, y, aun acordada ésta, para su eficacia como nuevo Reglamento, ha de ser aprobada por la Dirección General de Seguridad o autoridad competente en sustitución de aquélla.

Se dice que H. E. A., su Directiva, por ejemplo, no puso en vigor el acuerdo de Oviedo rebajando la cuota a *una peseta cincuenta céntimos*; y no tienen en cuenta los que así opinan, que ese acuerdo reforma el Reglamento, que, por tanto, no era posible llevarlo a la práctica, y menos aún por una Directiva que está facultada por el mismo Reglamento para decidir la variación de la cuota, autorización concerniente a su aumento, ya que la fijada lo fué como mínima y la práctica venía demostrando era insuficiente para cubrir las más perentorias necesidades de la Asociación. Y, sin embargo de que la Directiva por sí y ante sí podía decidir sobre la continuación de las dos pesetas como cuota, acudió a sus miembros, interesando su opinión, resultando ser el deseo de la inmensa mayoría el mantenimiento de las *dos* pesetas. Se argumenta que no se publicó la lista de miembros de H. E. A., como se acordó; y resulta publicada aún en mejores condiciones sobre el BES-Adresaro, en unión de una porción de *samideanos* de distintos países, con sus direcciones y deseos de intercambio, habiéndose dado un ejemplar del útil folleto a cada uno de los miembros de la Asociación. Se dice que el Instituto fué organizado a gusto y capricho de alguno; y el Instituto fué organizado con arreglo a las bases aprobadas en el Congreso de Madrid, desarrolladas en forma de Reglamento, según exigencia de la Dirección General de Seguridad, sobre la base de los miembros de H. E. A. pertenecientes a la Lingva Komitato y de cuantos esperantistas hispanos eran de reconocida competencia y pertenecían a H. E. A., ya que era y es condición precisa ser miembro de ésta para serlo del Instituto.

De igual modo se aseguran como infracciones del Reglamento, como decisiones arbitrarias de una sola persona y como intrigas contra determinada o determinadas personas, cosas que están dentro de la más exacta observancia y práctica del Reglamento. Hasta se asegura de incorrecciones cometidas contra algún samideano y hasta de su expulsión de una reunión, cuando se procedió con él en la forma más exquisita, más correcta, rogándole su permanencia en ella, y saliendo todos a despedirle en vista de su negativa.

Con estas líneas terminamos para siempre con estos enojosos asuntos, exclamando: «¡Borrón y cuenta nueva!» Así, dedicaremos todas nuestras actividades al desenvolvimiento de la finalidad para que fué creada nuestra Asociación, como venimos propugnando desde hace algún tiempo, aprovechando las favorables circunstancias que se nos presentan; no soslayaremos toda ocasión, circunstancia y medio, de llegar a la constitución de un solo frente esperantista hispano, y para ello se presenta a todos la ocasión de nuestro Congreso de Mayo, en el que se tratará de la reforma del Reglamento, mejor dicho, de la discusión del que, enmendado por compañeros de unos y otros lugares, ha sido publicado en esta Revista. El camino, pues, está franco en absoluto, y por nuestra parte no habrá el menor entorpecimiento en él.

*El Presidente provisional,*
JULIO MANGADA ROSENORN

## DIRI KAJ AGI

Mi opinias, ke ĉiuj, ricevinte la antaŭan numeron de ĉi gazeto, miris rigardante la belan kajeron unuan de la tre grava kaj interesa Vortaro de nia kompetenta kaj entuziasma samideano S-ro Francisco Azorín; tuj ĉiuj, paginte siajn kotizojn al H. E. A. antaŭ ol fini la ĵus pasinta monato, povos akiri el H. E. A. la mirindan versaĵaron de nia mortinta pioniro S-ro Rafael de San Millán sendante al la sekretariejo de nia Asocio 0,50 el peseto. Aliajn verkojn oni pretigos por la heaanaro laŭ malalta prezo.

De alia vidpunkto, H. E. A. disvolvas viglan laboron por kiel eble plej bone sukcesigi la proksiman Kongreson, kaj starigi fortan fronton tutlandan, pri kio aktiva kaj kompetenta samideano diras al mi: «Mi aplaŭdas vian iniciativon per kiu vi vin turnas al plej kompetentaj samideanoj: estas necese, ke la Kongreso de Majo estu *ĉies*, ke ĝin partoprenu ĉiuj hispanaj esperantistoj kaj kune forigu la mal-

saĝajn nubojn, kiuj encombrigas nian tutlandan movadon. Mi jam interŝanĝis opiniojn kun iu pri la temo, kaj tiu kompetenta samideano koincidas kun ni pri tia nepra bezonaĵo, por unuigi volojn kaj starigi grandan unuiĝon kun ĉiuj deziritaj aŭtonomioj.» Jes tiel ni devas fari, ĉiuj havas lokon ĉe Hispana Esperanto Asocio, kaj, ĉe ĝi, rajton por decidi pri siaj lokaj, regionaj, k. t. p., ariĝoj, kun la kontento kaj la ebla helpo kaj kunlaborado de la Asocio por la plej bona sukceso de la apartaj organizaĵoj aŭtonomaj.

En tiun vojon iras H. E. A.; kaj ĝia komitato plenĝoje laboras al tiu efektivigo, nepre necesa por ke la propagando farita estu fruktodona, por daŭrigi ĉiufoje pli intensan kaj praktike fruktodonan propagandon, ĉar ni opinias, ke la propaganda periodo ne ankoraŭ finiĝis kvankam jam tre vaste oni scias pri esperanto; sed, kompreneble, se la propagando farita estis preskaŭ tute por la diskonigo de esperanto, la nuna kaj estonta propagando devas celi elpruvi utilon kaj praktikon de esperanto. Al ĉi tiu celo vigle laboras H. E. A. nune. «Kiel?», oni demandos. Jen la respondo: celante unuigi ĉe H. E. A. ĉiujn hispanajn samideanojn; ĉar H. E. A. trafis 5.000 pesetojn de la Ministerio de Publika Instruado, asekurante la vivon de ĝia oficiala organo, efika ligilo de ĝiaj membroj; restigante firme ĉe H. E. A. ĝiajn membrojn per allogiloj, kiuj donos al ili profiton grandan preskaŭ sen elspezoj, ĉar tiel ĝiaj membroj spertos pri utileco de la organizaĵo kaj konstatos ĝin vere utila: la allogiloj estas nun la senpaga gazeto kaj ĝiaj aldonoj, kiel la kajeroj de la «Universala Terminologio» de nia samideano Azorín. La praktiko elpruvas, ke oficiala organo estas nepre necesa, ĉar ĉiuj naciaj organizaĵoj eĉ iuj partikularaj klopodas, penadas subteni ilin, kaj se ni havas monon por ĝi, ni devas ĝin subteni kaj doni ĝin senpage, kaj oni konsciis des pli sukcesige, anstataŭ pligrandigi la nombron da paĝoj, aldoni la ĉiumonatan kajeron de la aludita verko, kiu faros grandan kaj efikan propagandon precize elpruvante utilon kaj praktikon de esperanto en sciencaj rondoj, kaj ne nur en nia lando sed en la tuta mondo, tiamaniere, ke jam S-ro Azorín, ĵus, ricevis leteron de japana arkitekto esperantista, kiu petas permeson al nia samideano por aperigi japane la verkon; tiamaniere, ke mi impresis iujn el inĝeniera kaj scienca rondo montrante al ili la unuan kajeron de la verko. Celante interesi la oficialajn kaj privatajn institucioj de nia ĉefurbo, por kio la Asocio entreprenis viglan laboron per vizitoj kaj peticioj kun dokumentoj elpruvantaj klare pri praktiko kaj utilo de esperanto; tiamaniere, ke la urbestro kaj la prezidanto de la Provinca Deputataro ekinteresiĝis apenaŭ H. E. A. entreprenis ĉi laboron. Celante, ke la Asocio havu kiel eble plej baldaŭ vastan senpagan loĝejon, en kiu starigi la centran oficejon, konstantan ekspo-

zicion el gazetoj, gvidfolioj, gvidlibroj, afiŝoj, anoncoj, k. c., materialo vidiganta utilon kaj praktikon de esperanto, kaj por kio H. E. A. havas jam sufiĉe abundan materialon, kaj pri kio ni havas grandan esperon. Celante eldoni propagandmaterialon, kiun oni disdonos dum paroladoj por helpi la propagandistojn konigi esperanton al la publiko; celante, per interkonsento kun aŭtoroj, eldoni simplan kompletan utilan instrumaterialon, pri kio certe baldaŭ ni donos la unuan paŝon kune kun la plej eminenta el niaj hispanaj samideanoj kaj unu el plej eminentaj de la mondo samtempe; celante, monrimedojn necesajn por helpi S-ron Grau Casas kaj povi eldoni la hispanan esper-antologion... Ĉu nia celado ne estas interesa? Ĉu nia celado ne elpruvas nian noblan sintenadon al triumfigo de nia idealo? Ĉu ni ne meritas la atenton kaj kunlaboradon ĉies? Ĉu sur tiu ĉi vojo oni rajtas malkonsenti fratan kunlaboradon al la plano? Ĉu nia programo ne estas apoginda kaj subteninda? Kial ne veni al H. E. A. por kunopinii kaj akordigi ĉiujn opiniojn al plej bona sukceso de nia afero? Karaj samideanoj, ni iru unu en alian, ni penadu ke maja Kongreso madrida estu ĉies, kaj ke per ĝi stariĝu FORTA UNUIĜO VARIA en la tuta lando, kaj tiam mi fariĝos denove vigla kunlaboranta soldato de la hispana esperanta armeo lasante mian nunan provizoran postenon al tiu kiun nia UNUIĜO voĉdonu. Por tiu granda sukceso, ni flankenlasu ĉiajn personaĵojn, ĉiajn pasintajn okazintaĵojn, kaj nur gvidu nin la bono al esperanto. Malnovaj eksmembroj de H. E. A., venu al ĝi; rehavigu viajn rajtojn por realigi la grandan planon de FORTA UNUIĜO VARIA!

JULIO MANGADA ROSENORN

---

## PRI LA UNIVERSALA ESP-ORGANIZAĴO

La prezidanto de la Internacia Centra Komitato, S-ro John Merchant, pri kies entuziasmo kaj kompetenteco esperantaj ĉiuj estas konvinkitaj, kaj kies personeco estas rimarkinde alloganta pro simpatio kaj ĉiaj individuaj kapabloj kaj kvalitoj, sin turnas ree al tutmonda esperantistaro por subteni la nunan organizaĵon. Mi, spertinte pri la nekonvena vojo surirata de nia movado, de la Kongreso de Helsinki en ĉi daton, kiam oni decidis S-ron Merchant prezidanto de ICK, konsciis ke la esperanto-gvidantoj celis per la decido profiti la nediskuteblan personecon de S-ro Merchant por savi la organizaĵon, kiu de jaro en jaron malsukcesas, kaj pri kies malsukceso laste eldiris nia fervora pioniro S-ro. Julio Baghy. Vane nia kara Merchant alvokis la tutmondan esperantistaron je la pasinta jaro, vane li ĵus realvokis; nepre ni

devas reorganizi nin laŭ deziro elmontrita de granda plimulto, starigante la tutmondan popolon esperantan kun malgranda kaj sama ĉiujara imposto al ĉiuj, kun samaj rajtoj kaj devoj. Per tiu malgranda imposto la estraro de la movado, de la esperanta popolo, havos rimedojn sufiĉajn por sukcesigi pli kaj pli la zamenhofan aferon.

En Ĝenevo, dum ĝia lasta universala Kongreso, por savi la organizaĵon kaj havigi al ICK monrimedojn, oni starigis la kotizon el 100 sv. fr. por speciala membreco al ICK, kaj mi aliĝis. Mi ne tute bone scias, kiom da kotizoj mi pagis, ĉu unu, ĉu du...; mi rememoras, ke oni petis iam de mi sendi sumeton por aldoni ĝin al alia sumo, kiun ICK havis je mia favoro pro ia kaŭzo, kiun mi ne rememoras (eble pro vendado de libroj aŭ io sama), kaj mi respondis donacante la sumon al ICK, sed eksiĝante de tia membreco. Tia kotizo el 100 sv. fr. estas tro alta, kaj ju pli la tempo pasas, des pli grava pro la altiĝo de la sv. fr., kaj ĉi tio devigas la pagintojn forlasi la specialan membrecon; sed ankaŭ estas alia kaŭzo al forlaso: ke la pagintoj spertadis la neutilecon de sia pago al sukceso de la afero, ĉar ĉi tiu de la organiza vidpunkto dekadencas pli kaj pli, kiel elpruvas la okazintaĵoj, la projektoj pri reorganizado kaŭze de la nekomformiĝo al nuna organizo, kaj fine la propon-letero de nia samideano Baghy, kiu entenas la orientigojn al la solvo kun kontento ĉies.

La alvoko, kiu ne surprizis min, ĉar mi atendadas de antaŭtempe alvokojn tiajn kaj projektojn, elpruvas ankaŭ, kiel la krizo estas ĝenerala; kaj ĉi tion mi diras por aserti la malpravecon de iuj kulpigantaj naciajn organizaĵojn pri krizoj enlandaj kaj tutmonda: ĉiunacie aŭ ĉiulande sola granda fronto esperanta, ju pli varia ĉe la unuiĝo, des pli konvena por plej intensa laboro; tutmonda sola granda fronto konsistanta el individuoj formantaj la ĉiulandaj frontoj respektivaj. La tutmonda fronto enspezas rekte de ĉiulanda fronto tiom da kotizoj, kiom da membroj formas la ĉiulandan fronton, kies membroj tial estas tutmondfrontanoj, aŭ civitanoj de la mondo. Nur tiamaniere, aŭ simile, estos efika nia organizaĵo; Al ĝi ni iru entuziasme!

---

## CÓMO PROSPERA EL ESPERANTO

La fuerza progresiva de nuestro ideal, dejando a un lado cuanto hemos alcanzado en nuestro país, viene evidenciada por otros hechos análogos a los por nosotros alcanzados, que lo fueron por nuestros *samideanos* en otros países. Así, en el pasado septiembre, el Cabildo Municipal de Lyon, presidido por M. Herriot, ex presidente del

Gobierno francés y ex ministro de Instrucción Pública, decide por unanimidad una proposición tendente a que sea obligatoria la enseñanza del esperanto en las escuelas de todo el mundo; el Comité Local de la IIª Olimpíada Laborista, en Viena, usa el esperanto y los servicios de la organización obrera esperantista para la organización y reclutamiento de adeptos, siendo 80.000 obreros de varios países los participantes en esta manifestación deportiva; en Varsovia, el diario médico «Kvartalni Kliniczny» (que es el segundo en importancia) contiene un resumen en esperanto al pie de cada uno de sus artículos originales; en Odessa, la editorial estatal de Ukrania prepara una Antología de los mejores escritores del país; en Londres, el Congreso de oculistas ingleses se decide unánimemente por el esperanto y establece una comisión que explore los medios de organización, y la famosa revista «The Optician» publica una reseña del Congreso en inglés y en esperanto.

En octubre último, Amiens da el nombre del Dr. Zamenhof a una de sus calles, y lo mismo hace Barcelona; en Denver, la Federación Universal de Asociaciones para la Educación, fundada en 1923, celebra un Congreso (1931), en que se reunen miles de maestros de las principales organizaciones similares nacionales (alrededor de treinta pueblos), y toman la resolución de elegir una Comisión que estudie y explore la cuestión de una lengua internacional, Esperanto, para usarla como vehículo en la realización del objetivo de la Federación, y que la Comisión informe en el Congreso siguiente; en Ossaka, la gran estación radioemisora radió un curso de esperanto durante julio y agosto con el resultado de haberse agotado una doble edición de gramáticas (18.000 ejemplares), que fué preciso editar ante la demanda de libros a consecuencia de los cursos radiados, y cerca de dos mil personas remitieron trabajos escritos para optar al diploma consecuencia del examen de aprobación; en Ginebra, el Primer Congreso Universal acerca de las pistas automovilistas aprueba la proposición sobre el uso del esperanto como lengua auxiliar para las señales y para la facilitación de los viajes; en Vaduz (Principado de Lihtensteyn), se editan nuevamente dos series de postales ilustradas con texto alemán y esperanto, obra del conocido artista vienés Kort, constando cada cuaderno de diez postales. El Correo del Principado usó el esperanto en la propaganda turística.

En diciembre: Cagnes-sur-Mer (Francia) sigue el ejemplo de Cannes, usando el esperanto para las señales del tráfico rodado, y se decide a poner el nombre del creador de la lengua a una de sus calles; en Niza, la Radioemisora «Nices-Cannes-Juan-les-Pins» introduce el esperanto en sus emisiones, que guía el conocido periodista

y escritor del Mediodía francés Georges Avril; en Praga, en recientemente creada sección de la Comisión por Exámenes en las escuelas populares y urbanas de Bratislava, el ministro de Instrucción Pública nombra también personal para examinar de esperanto. Examinadores tales funcionan en las secciones checoeslovacas y húngaras; en Atenas, el ministro de Instrucción Pública concede permiso para la enseñanza del esperanto en los centros oficiales, y recomienda tal enseñanza en virtud de la importancia que adquiere esta lengua en el mundo civilizado.

En noviembre, el ministro de Correos y Telégrafos de Checoeslovaquia autoriza el uso del esperanto para las emisiones de los aficionados, considerando que esta lengua es clara.

## EL LA HISPANA ĈEFVERKO D. QUIJOTE DE LA MANCHA

### ĈAPITRO XLV

### KIEL LA GRANDA SANCHO PANZA EKREGIS SIAN INSULON (FINO)

Tiu proceso finita, eniris du viroj, la unua vestita kiel plugisto kaj la alia kiel tajloro ĉar li portis la tondilon en la mano; kaj la tajloro diris: Sinjoro Guberniestro, mi kaj tiu-ĉi honesta plugisto, ni venas antaŭ Via Moŝto pro kaŭzo, ke tiu ĉi bona viro alvenis hieraŭ en mian butikon (ĉar mi, kun pardono de la ĉeestantoj, mi estas ekzamenita tajloro, kaj Dio estu benata) kaj metante pecon da drapo en miaj manoj li al mi demandis». Sinjoro, ĉu tiu drapo sufiĉos por fari al mi unu klokuŝon? (1) — Mi, ekzameninte la drapon, jesis. Li eble imagis, laŭ mi imagis kaj mi bone imagis, ke sendube mi volas ŝteli parton de la drapo, sin apogante en sia malico kaj en la malbona opinio pri la tajloroj, li rediris al mi, ke mi rigardu ĉu ĝi sufiĉos por du. Mi divenis lian penson kaj jesis; kaj li, rajdante sur sia malica kaj unua intenco aldonadis klokuŝojn kaj mi jesadis ĝis la atingo al kvin klokuŝoj. Nun, tiumomente li ĵus venas peti ilin. Mi ilin donas, kaj li ne volas al mi pagi la laboron, kontraŭe, li petas ke mi al li pagu aŭ redonu la drapon.

—Ĉu ĉio estas tiel, frato? Demandis Sanĉo.

—Jes, sinjoro, respondis la viro, sed Via Moŝto al li devigu montri la kvin klokuŝojn, kiujn li faris por mi.

—Tre volonte, respondis la tajloro, kaj eltirante tuj la manon el

(1) Drapan kloŝforman kapkovrilon.

malsupre sia jako, li montris en ĝi kvin klokuŝetojn metitajn sur la kvin pintoj de la manfingroj, kaj li diris: Jen estas la kvin klokuŝoj, kiujn ĉi-tiu viro petas al mi, kaj je Dio kaj je mi konscienco, ke nenio el la drappeco restas al mi, kaj mi donos la laboraĵon al la vidado de metiaj juĝistoj.

Ĉiuj la ĉeestantoj ridis je la multnombreco de la klokuŝoj kaj je la nova proceso.

Sanĉo pripensadis iom kaj diris: Ŝajnas al mi, ke en tiu-ĉi proceso ne devas esti grandaj prokrastoj; sed juĝi tuj je la juĝo de bona viro, kaj tiel mi donas kiel decido ke la tajloro perdu la laborprezon kaj la plugisto la drapon, kaj ke oni alportu la klokuŝojn al la kaptitoj en la malliberejo, kaj ne estu plu.

MIGUEL DE CERVANTES SAAVEDRA
*Esperantigis*: A. N. D.

## PER STELO, PRETER NUBO

Super la preĝeja turo
balanciĝas en lazuro
malpreciza la nubet'
kaj la brilon de stelaro
kaŝas al ni ĝia baro
kaj vualas ĝia ret'.

Loĝas post montaro lima
en urbego malproksima
Amo mia, florĉiel'
—Kio gravas?—Ŝi ne vidas
la nubeton; sed alridas
ŝin la lumo de la stel'.

*Originale verkita de* A. N. D.

## PRI LA BERBEROJ

### I

Laŭ Hanoteau, klera kaj sperta verkisto pri la Berberoj, ju pli stagna estas civilizo de popolo, des pli reprezentanta kaj rivelanta estas lia literaturo, ĉar ĉi tiu esprimas pli vive, pli krude, pli arde ĉiujn facetojn de l' spirito de la raso, kaj ĉi tio ne okazas rilate al literaturoj formitaj de kulturo kosmopolita.

La *kabila'*, kiel ĉiuj dialektaj branĉoj de la maljuna trunko berbera, ne estas lingvo verkita kaj kulturigita de kleraj stilistoj, kaj ĝia

tuta riĉaĵo literatura kun kruda kaj penetranta aromo konsistas el serio da legendoj, da naivaj rakontoj bravaj kaj mirigantaj, kiujn generacio transdonas al generacio per la parola tradicio, kaj kiujn konservas la tribuoj same ame kaj religie kiel la familian ŝtonon miljaran de l' fajrejo.

Kun la legendoj, forte berberaj kaj samtempe ĝentile kaj fabele arabe lirikaj, estas ankaŭ versaĵoj spiritaj kun vibranta sentemo, kun nobla formo, nomataj *jácaras* (*Ĥakaras'*), prezentantaj intensan singularan intereson literaturan.

La rakontoj kaj la legendoj, el deveno anonima preskaŭ ĉiam, estas repertuaro propra de klasikaj rakontantoj, kiuj iras de tribuo en tribuon, de komerca loko en komercan lokon, kiuj deklamas ilin, akompanante la deklamon kun gestado de inspiritoj, antaŭ aŭditorio formanta cirklon, aŭdanta rigide silente kvazaŭ ĉe magia rito.

La versaĵoj estas ĉiam difinita kaj preciza verko de kompetentaj poetoj kun propra aparta alta personeco ĉe la gentoj de la tribuo.

Hanoteau, per sia verko pri la popolaj kantoj de l' *Yurjura* (*Jurĥura*) klasifikas la *kabila'n* poezion laŭ tri formoj:

Unu, enhavanta la epizodojn pure historiajn kaj politikajn, kiujn saĝe kaj klare elĉerpadis specialistoj Basset, Luciani kaj Sedira; alia kun tumulta kaj senforma aspekto, en kiu konfuziĝas diversaj, strangaj eĉ kontraŭdirantaj, versaĵoj, kun strangaj kaj malsamaj ritmoj, kun senharmonia spirita karaktero; fine, alia pli homogena, pli ritma, pli ĝentile interesa, dediĉita al la virino, kaj ĉi tiun fakon formas la versaĵoj nomataj *Isefra'*, ĉiam ĉarmaj kaj ardaj kantoj pri amo.

La prozodiaj reguloj por ĉi tiu poezio havas apenaŭ konkretan valoron realan; eĉ la rimo, tute necesa por kiu ajn kanto, fojojn, aperas malbrile, malarde. Tamen, spite de la kruda kaj antikva primitivismo de la berbera popolo, spite de la fulma kaj rudimenta kulturo de la poetoj, la poezio de la *kabila'* estas tre ritma kun ardanta kaj profunda musikeco.

La rimo estas simpla, kvazaŭ geometria irante de du en du versojn, foje plektiĝas kaj kruciĝas: sed principo klasika por la versaĵoj kantotaj estas ke ili ne kalkulu malpli da versoj ol oblo de tri.

Hanoteau, per sia vasta verko pri la berbera poezio, parolas pri la *Idiehhalen* kaj *Imeddajen* maloftaj poetoj, kiuj jam nuntempe estas kvazaŭ historia kuriozaĵo ĉar ili malaperadas. Ili estas pli, ol poetoj, improvizantaj kantantoj aperantaj hazarde okaze de popola krizo, de milito, de tragika stato, kiuj, per siaj profetaj gestoj kaj ardaj paroloj vekadis ŝtorme brave la animon de la popolamaso, kvazaŭ la mezepokaj bardoj: ili kantis laŭdojn al Dio, heroaĵojn de milito, malamon al malamikoj de l' Islam, la terurajn luktadojn inter la tribuoj, la glorojn kaj malbonsorton de l' patrujo. Iliaj kantoj, preskaŭ pli ĝuste

dirite, fanatikaj kaj kuraĝigaj predikoj, estas karakterizataj ĉefe de elokventeco, de varma parolo miriganta, absorbante la sentemon kaj la mirigantan klarvidon poezian. Iujn el ĉi tiuj bardoj, kiel *Kasi natth Ullah'ia*, de Adni, konsideras la tribuoj famuloj respektindaj, kaj ili vivadas ĉe la memoro de la berbera gento.

# LA MARTIRA INFANINO

Mi ne priparolos pri iu el tiuj knabinoj, kies malfeliĉoj kortuŝas subite la gazetaron; el tiuj, kiujn polico trovas noktomeze surstrate, vestitaj ĉifone, malgrasegaj pro malsato, rigidiĝintaj pro frosto, haŭtmakulitaj pro bajpunoj aŭ disŝiritaj pro brulruĝa fero, kiun ia kruela duonpatrino almetis sur ŝiaj delikataj karnoj.

La martirino pri kiu mi nun parolos al vi havis dekduojn da dekduoj da blankaj tolaĵoj, kun signitaj kronoj kaj broditaj ciferoj ornamitaj per aŭtentikaj *valenciennes*' aĵoj; oni sendis al ŝi el Anglujo en granda kesto vestojn, surtutojn kaj kapvestojn; sur ŝia tablo sufiĉegis nutrigaj manĝaĵoj kaj multekostaj vinoj; ŝi kontraŭbatalis malvarmon per vataj feloj kaj lanugoj; ĉiutage brita ĉambristino lavis ŝian korpeton per delikategaj sapoj kaj parfumitaj akvoj.

Dumvintre ŝi loĝis en palaceto tegita el tapiŝoj, semita el fornoj kaj varmigiloj; dumsomere en kampodomo apud la marbordo, kun ĝardenoj, arbaretoj, bulvardoj kun jarcentaj arboj kaj marmoraj diinoj kiuj klinis sin per sin vidi ĉe la spegulaj starakvoj tra la vualo el folioj...

Se ŝi deziris promeni, ĉiam estis preta la kaleŝo aŭ la kabrioleto; se ŝi preferis amuziĝi hejme, oni malfermis ŝrankon plenega je strangaj ludiloj, kiuj eliris el ĝi kiel rakontoj el kreanta fantazio, kreitaĵoj de la moderna magio, la ĵokeo vestita el blua atlaso kun oraj butonoj kaj ĝia ĉevalo vere galopanta kaj saltanta foson; la pupon, kiu movas la kapon, fermas la okulojn kaj vokas panjon per petola voĉo; alia pupo, dancistino, kiu turniĝas kun sia ringego el floroj, balanciĝas, flugetas, dancas, piedfrapas kaj salutas la publikon per kiso; la elektra veturileto, la akrobato; la violonista simio; la najtingalo, kiu kantas, movas la kapeton kaj starigas la plumojn; ĉiaj aŭtomatoj, ĉiuspecaj imitaĵoj, ĉiuj fantaziaĵoj tiel kare pagataj de la riĉuloj por siaj gefiloj.

Tamen, mi vin diras ke tiu infanino estis martirino, martire mortis kaj mortinte ŝia vizaĝo montris inter la faldoj de la vualo el muselino melankolian seriozan mienon pli intense ol antaŭe kaj tiel strange en dekjara infanino amata kaj kreskinta inter kotonaĵoj.

Martira, kredu al mi; tiel martira kiel la forlasitinoj kiuj dum

januaraj noktoj rifuĝiĝas tremante en sojlo de ia pordego. Jen la vivo. Ĝi havas por ĉiuj ekgluton da absintaĵo, prezentita al unuj en ora ĉizita pokalo, al aliaj en la mana kavaĵo. Doloro estas eterne frukto-dona; foje ĝi naskiĝas inter nederlandanaj littukoj, foje sur la stratai ŝtonoj.

Ŝiaj gepatroj estis perdintaj tutan esperon havi idojn, ili estis iom maljunaj. Ŝi, la sola heredontino de fama nomo kaj grandaj riĉaĵoj, estis viktimo de sia feliĉa estonto. La gekvindekjaruloj zorgis ŝin, kiel oni zorgas en malvarmŝirmejo la strangan floron antaŭdestinita morti pro la unua frostvento. Ili spionis ŝiajn plej malgrandajn movojn, ŝian spiron, kalkulis la batojn de ŝia senkulpa koreto. Kuracisto, kiun ni povas nomi ĉambra, devis noti ĉiun ŝanĝon pri fiziologiaj funkcioj de la infanino. Oni notis la suĉaĵojn da lakto, kiuj pasis de l' mamoj de la nutristino al la buŝo de la infanino. Kronometro mezuris laŭ minutoj la ekzaktan tempon por la dormo, la vekiĝo, la manĝoj, la purigo, la promeno. Termometro gradis la necesan varmeton de l' akvo por lavado; ĝusta pesilo montris la kvanton da nutraĵon kaj da vestoj, laŭ la ordonoj de la doktoro. Kiam okazis la dentnaskiĝon kaj pro tio la maltrankvilecon, la domo iĝis monaĥejo de silentuloj; neniu parolis laŭte, neniu marŝis forte, por ne ektimigi la infaninon, por ne forigi ŝian dormemon.

La reĝimo ŝajnis higiena kaj iĝis daŭra. Oni pensus ke tia surd-amuta hejmo estis kapeleto de l' dio Silento; kaj la infanino, per tia stranga divenemo, kiun foje oni notas ĉe infanoj, komprenis ke tie nek bruoj nek ridoj havos eĥojn kaj estis de kiam ŝi eksciis marŝi silentema, formula, serioza, obeema..., tiel obeema kaj serioza ke ŝi tre meritis kompaton.

Tamen estis io kion infanino ne povis obei. Spite de sia deziro ŝi ne sukcesis havi sur sia vizaĝo la sanan poman koloron, kiu tiom gajigas la patrinojn. Ŝia silka vizaĝo, diafana kaj brila pro la klorozo, mak-uletis kun ĉielkoloraj vejnoj kaj eburaj flavaĵoj. Ŝiaj blunigraj okuloj estis profundaj, trankvilaj kaj rezignaciaj. Ŝia buŝo ŝajnis malkolor-igitan velkintan rozon.

Ĉu pro la troa zorgo por ke ŝi neniam sentus eron da malvarmo, ĉu pro la malriĉigo de sia sango, ŝi estis tiel malvarmumema ke eĉ dum somermezo vestis el blanka lano kun gantoj kaj gamaŝoj ankaŭ blankaj. Kiam oni vidis ŝin tute blanka beltalia, lentema, serioza, anstataŭ la ŝercemaj gajaj ideoj inspirendaj de l' infaneco aperis ideoj pri funebro, monaĥinejo aŭ maŭzoleo. Ne kredu ke la gepatroj ne sciis ke la idino estis lumeto estingebla de ia ajn malgranda blovo. Ili tiom notis tion ke ĉiutage kalfatris la fendojn tra kiuj povas penetri perturbanta ekvento. Se oni vatus, tegus, kirasus la tutan hejmon, la

subtila elspiraĵo de la morto ne penetrus. Ili amasigis kotonaĵojn, ŝtofojn, najlojn por izoligi la infaninon. Ho! Se estus eble remeti ŝin en la korpon de la patrino aŭ de la patro, aŭ sub la kloŝo de la pneŭmatika maŝino, aŭ en kovilo por kokidoj!

Tra la fenestro, duonmalferminte la multpezan kurtenaron, la infanino rigardis ludi sur la strato la ĉifonplena vagema knabaro. Tiuj knaboj ridetemaj, duonvestitaj, batalemaj, vivoplenaj atakis unu la aliajn per bova kapo el junkoj aŭ per vangofrapoj, aŭ batalis per migdaloj. Oni vidis ankaŭ la marbordon kie la filoj de la fiŝkaptistoj, nudaj bronzkoloraj, facilmovaj, saltemaj kiel fiŝoj kaj are kiel ili, sin banis kaj estis dum horoj en la akvo kie ili sin trempis kiel delfenoj.

Laŭ ordono de la kuracisto, la infanino ankaŭ sin banis. Ŝi havis konfortan vastan ban' barakon. Tie oni senvestigis ŝin kaj kovrita per multaj surtutoj oni portis ŝin sur la brakojn de la banisto, kiu subakvigis ŝin dum momento en la maron kaj ŝi estis remetata en la barakon ricevinte la ban' impreson, kiu estis terura ĉar la tuta sango alfluis al ŝia koreto. Ŝi rigardis treme kun plivastigitaj pupiloj tiun timigan senfinon tiun abismon el verda blekeganta akvo, la ondon alproksimiĝanta ektimige, konkave, kaj fermante ĝin kvazaŭ ĝi volus manĝi ŝin; la infanino tremetis la dentojn kaj pensis: mi timas. Sed nenian krion nenian ekploron ŝi faris. La ĵurpromeso pri silento estis nerompebla eĉ tiam. Kaj poste, kiam ŝi vidis tra la fenestro la malkvietemajn bubojn kiuj ludis kun la ondoj kiel mevoj ŝi pensis: kiel ili povas esti tiel bravaj?

Dume, la morto, ridante malfeliĉige, alproksimiĝis al nobela fermata hejmo. Ni devas noti ke ĝi ne trovis pordon tra kiu eniri kaj devis penetri tra fendo sub tegolo al tegmentetaĝo, de tie tra serurtruo al ŝtuparo, kaj de tie sub la redingoto de la kuracisto penetris en la domo, kaŝite post la alumetujo.

Pro tiom da malfacilaĵoj por eniri, la morto restis laca kaj ne aperis forta sed hipokrite malkuraĝa, kaj ĝi bezonis multe da tempo por forkuri kun la infanino. Tiu tempo estis por ŝi turmentiga.

Malplaĉegaj drogoj, naŭzigaj likvaĵoj tra la buŝo, vezikigiloj kaj humoreltirigaj paperoj sur la haŭto, kaŭteriziloj por la vundetoj kaŭzataj ĉe ŝia gorĝo de l' malriĉeco de la sango; oni uzis ĉion, kaj nek la viktimo rompis la silenton nek ĝiaj geturmentistoj atentis la petegon de ĝiaj mortantaj okuloj..., tial ke la geturmentitoj adoris ŝin troe por pardoni eĉ detalon de la turmento. Nur ĉe la lasta momento kiam ili prezentis al ŝi plenkuleron da ia apoteka miksaĵo, la infanino sopiregis, eksidis, trifoje rifuzis ĝin per la kapo, kaj ĉirkaŭpreninte la kolon de la nescianta patrino, kaj metante vizaĝon apud vizaĝo, ŝi diris mallaŭte «Panjo, malfermu la fenestron».

Sendube tio estis la unua korpremo de la malfacilspiro. Ĝi vivis jam mallonge. La martirino restis veleta sensanga naiva, sed kun malddolĉega mieno, kiel se ŝi estus irinta ne farinta aŭ ne sentinta ion kio eble estis la esenco de la vivo mem.

En la ĉerko, tegita al atlaso, sub la blankaj lilioj kiuj volvis ŝin per aromataj parfumoj, la kompatinda kadavro postulis justecon, ĝi plendis pro tia malrapida asasino. La printempa nokto estis varmeta; tial la akompanantoj de l' mortintino malfermis la fenestron por forigi la odoron de l' kandelegoj kaj de l' kadavro. Pro la libera aero enirantа, la malgrasa vizaĝo ŝajnis akiri ĝojan ripozan mienon.

Eble ĝi volis spiri freŝan aeron antaŭ ol pasi de la enfermo de la hejmo al la enfermo de la niĉo.

LA GRAFINO PARDO BAZAN'

(*Trad.*: F. R.).

---

# KRONIKO

La 15an de la ĵus pasinta monato nia samideano S-ro Julio Mangada faris paroladon pri Esperanto en la grava societo Ateneo Científico, Artístico y Literario (Scienca, Arta kaj Literatura Ateneo), dokumentinte evidentige siajn asertojn per gazetoj, fotoj kaj aliaj elpruviloj, kiuj alportis konvinkiĝon al ĉiuj kiuj aŭdis la paroladon. Ĉi tiu celis interesi la membrojn de la grava societo al fondo de esperanta fako, al rapida lernado de la lingvo malfermante specialan kurson por la membroj de la Ateneo por ke ĝia esperanta fako partoprenu la laborojn de la grava esperanta hispana movado, ĉar same, kiel la Ateneo de Madrid havas gravan rolon koncerne politikon, sciencon, arton, literaturon, k. t. p., ĝi ne povas resti je la flanko de Esperantismo. Granda intereso vekiĝis kaj baldaŭ oni malfermos kurson, kun la celo, ke la ateneanoj rapide lernu la lingvon kaj povu ĉeesti la Kongreson de Parizo dum la proksima aŭgusto.

La grava gazeto «Estampa», de Madrido, aperigis detalan artikolon kun multenombraj fotoj, pri la laborego farita de nia kara samideano S-ro Francisco Máñez, de *Cheste*, per kiu oni povas certigi, ke ĉi urbeto, *Cheste*, estas tute absolute esperantista. La propagando farita de la ilustrita gazeto «Estampa» estas gravega, ĉar konsekvenco ĝia estas, ke S-ro Máñez ricevadas amasego da leteroj kaj poŝtkartoj demandantaj informojn pri Esperanto kaj alvenantaj al li el ĉiuj lokoj de Hispanio.

# RECENZEJO

*EL IDIOMA INTERNACIONAL ESPERANTO.—Curso completo en 20 lecciones, por* RAFAEL INGLADA, *Maestro Nacional.—Imprenta de C. Bermejo. - Madrid,* 1931.

Esta obrita es un método práctico para aprender el idioma internacional, en que las reglas gramaticales se explican con extraordinaria claridad sin recurrir a tecnicismos, que más bien desorientan a los no versados en esta clase de estudios. Por medio de numerosos ejemplos y ejercicios graduales el alumno se familiariza con el lenguaje corriente y se pone rápidamente en condiciones de hablarlo correctamente.

Los elementos morfológicos se explican con gran detalle, y las frases de los temas son de una pureza literaria tan extremada que parecen escritas por los grandes maestros del Esperanto. Para hacer la obrita lo más completa posible se han explicado todos los recursos actuales del Esperanto, hasta el punto de que, a más de los principios de la versificación, se dan todos los afijos empleados en el idioma internacional, incluso los técnicos, como son los relativos a la nomenclatura de la Química, Botánica y Zoología.

Después de las veinte lecciones del Curso, se presenta una serie de ejercicios de ampliación en Esperanto, relativos a la conversación y frases corrientes, que tienen por objeto imponer al alumno en el uso cotidiano del idioma, ofreciéndoles temas de todas clases, como los de viajes, compras, estancia en hoteles, etc., de modo que, terminado el curso, se puede decir que se posee a la perfección el Esperanto.

Este Manual es de una gran utilidad, por ser muy práctico. Precio: 2,50 pesetas. Pedidos al autor (Chinchilla, 2, pral. - Madrid). Los que se hagan por conducto de HISPANA ESPERANTO ASOCIO se servirán con descuento del 20 por 100.

---

## IXa KONGRESO DE H. E. A.

### LISTO DE ALIĜINTOJ (1)

(*Daŭrigo*)

22. S-ro Vicente Inglada.
23. S-rino Luisa García Rodríguez.
24. S-ro Rogelio Luque.

---

(1) Por error, figuró en la lista publicada en el número anterior D. Eduardo Arroyo con el nombre de *Isidoro*.

25. S-ro Rafael Fiol Paredes.
26. » Salustiano Ronco López.
27. » Antonio Santamarina.
28. » Pedro López Palomar.
29. » Fernando López Montero.
30. » Luis Rodríguez Escartín.
31. S-rino Rosalía Alvarez.
32. S-ro Francisco González Inglada.
33. » Benito Anguiano.
34. F-ino Amadora Anguiano.
35. S-rino Manuela Gallardo.
36. S-ro Miguel Carreras.
37. » Honorato Moncalvillo.
38. » Atanasio Felgoroso.
39. » Julián Fernández.
40. » Hipólito S. Luengo.

(*Daŭrigota*).

## AMUZAJOJ

SOLVO al la enigmoj de la antaŭa numero:

S abato
v E endredo
M erkredo
m A rdo
J aŭdo
lu N do
dimanĉ O

* * *

mar T o
j U nio
aŭgus T o
j A nuaro
M ajo
juli O
N ovembro
febru A ro
sep T embro
A prilo
oktob R o
decembr O